# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO :
S° Paul BERTHELOT
CÉRET (P.-O.) Francol.

Nenian manuskripton sendu al la Administranto.

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : 3 fr. por la tuta mondo.
10 abonoj je la sama adreso : 24 fr. nur en Franclando.

REKLAMO-ANONCOJ
Agento Ĝenerala : S° EMILE GASSE
51, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

REDAKTADO :
S° Ch. LAMBERT
10, str. Berbisey. DIJON (Côte-d'Or), Francol.

Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.


*La numero* **4** *de* **Esperanto** *eliros DIMANĈO 30 JULIO.*

## TUTMONDA LIGO ESPERANTISTA

### PROJEKTOJ

**prezentotaj al la Kongreso.**

Kiel aldono al la interesa artikolo de nia kunlaboranto Prof° Bourlet, ni publikigas ĉi-sube la diversajn projektojn proponitajn ĝis nun kaj prezentotajn en la internacia kongreso de Boulogne-sur-Mer. Por ilin doni tute senpartie ni citas la projektojn laŭ la *kronologia* ordo.

### Projekto de S° Deligny

Krom multaj artikoloj diversaj, inter kiuj ni speciale citos tiun de S° Aymonier en *Lingvo Internacia*, sed el kiuj neniu donis difinitan planon, la unua projekto speciale aranĝita por propono en Boulogne estas tiu, kiun S° E. Deligny publikigis en la n° de « l'Espérantiste » de l'28ª *de Februaro 1905 :*

*Organizado.* — 1° Ĉia lando organizas *nacian sekcion* enhavantan nombron da delegatoj proporcian je la nombro de l'Esperantistoj en la lando kaj ricevantan la komision unue ekzameni la demandojn prezentitajn de la *samregnanaj* Esperantistoj kaj konservi la aferojn, kiuj ŝajnus al ĝi studindaj.

2° Centra Komitato Internacia estas formata per la unuiĝo de ĉiuj membroj de la naciaj sekcioj, sub la prezidado de D^ro^ Zamenhof, kiu havas decidigan voĉon en okazo de egalnombreco ĉe kontraŭaj voĉdonoj. La membroj de l' Centra Komitato Internacia komunikiĝus inter si laŭ la maniero montrata en la sekvanta paragrafo. La komitato povus elekti estraron, kiu estus kvazaŭ superega juĝantaro kaj povus kunveni unu fojon ĉiujare en ian ĉefurbon aŭ grandan urbon.

3° Speciala monata jurnalo aŭ aldono de internacia revuo elektota interkomunikigus la komitatanojn kaj samtempe informus la esperantistan publikon pri la projektoj, laboroj kaj decidoj de la Komitato.

*Funkciado.* — Jen estas la maniero, laŭ kiu povus funkciadi la Internacia Centra Komitato.

La Esperantisto prezentas projekton al sia sekcio, kiu ekzamenas ĝin kaj, se la afero tion meritas, donas al ĝi la finan aranĝon kaj ĝin sendas al la oficiala revuo.

Tiamaniere la projekto estas prezentata al la studado de ĉiuj membroj de la komitato, kiuj konigas sian opinion en la numero presota 2 aŭ 3 monatojn poste.

Ĉiu projekto, kiu ricevus la unuvoĉecon aŭ eĉ imponan plimulton (70 aŭ 80 °/₀) estus fakte akceptita.

Se la projekto ricevus nur pli malfortan plimulton (50 ĝis 70 °/₀), ĝi estus konservita kaj prezentita al la studado de la estraro, superega juĝantaro, kiu alprenus aŭ forjetus la projekton ĉu post interŝanĝado de opinioj per la oficiala jurnalo, ĉu en la ĉiujara kuveno.

### Projekto de la Grupo Pariza

Tiu projekto estas publikigita en la n° de la gazeto « Lingvo internacia » de l' 15ª de Aprilo 1905. La komitato de la Grupo antaŭmetis klarigan antaŭparolon el kiu ni citas la jenan parton :

Kelkaj antaŭaj klarigoj utilos eble.

Ĉiu ajn, kiu ĉeestis ĉe internaciaj kongresoj, scias, ke tia granda aro da kongresanoj tute ne povas *detale* ellabori projekton, ĉar la neevitebla diverseco de l' opinioj kaj la longeco de l' diskutadoj malhelpas ĉian firman konkludon.

Jen kial nia projekto estas nur *principa* propono ; jen kial ni proponas, ke estu elektita nur provizora komitato, kiu esploros rajte la demandon kaj ellaboros definitivan planon proponotan al voĉdonado de l' *dua* kongreso.

Cetere definitiva komitato povas nur esti konsekvenco de *Internacia Ligo Esperantista* kaj ŝajnas do saĝe, ke tiu *Ligo* estu unue fondita, kaj ke ĝi kaj ĝi sola fondu definitive *sian* centran komitaton, kies aŭtoritato estos tiamaniere nedisputebla.

Koncerne la provizoran komitaton ŝajnas neeble, ke la unua kongreso mem ĝin elektu, ĉar unue la metodo pri tiu elekto estas malfacile difinebla, tiel longe kiam *Ligo Esperantista* ne ekzistos, kaj due la neekzisto de ia ajn regularo por la unua kongreso malebligas tutan pravecon de la decidoj, krom *pricipa* decido.

Jen kial ni simple proponas ke la provizora organizanta komitato estu elektita de D-ro Zamenhof post fondo de la Ligo ĉar li sola nuntempe konas la veran staton de nia afero.

*Principa decido.* — § 1. — La internacia helpa lingvo nomata « Esperanto » estas tiu lingvo, kies fundamento estas difinita en la verko de D-ro Zamenhof « Fundamento de Esperanto » *)

§ 2. — Nur tiuj, kiuj uzas kaj propagandadas la lingvon tian, kia ĝi estas difinita en la suprecitita verko, povos sin rajte nomi « Esperantistoj ».

§ 3. — La kongreso plene alkonsentas kaj submetiĝas al la programo donita de D-ro Zamenhof en la *Antaŭparolo* de la suprecitita verko.

*Tutmonda Ligo Esperantista.* — § 4. — Por observi la neŝanĝon de tiu Fundamento, certigi la unuecon de la lingvo dum ĝia evolucio kaj kunigi la fortojn de ĉiuj Esperantistoj, estas fondita « *Tutmonda Ligo Esperantista.* »

§ 5. — Tiu Tutmonda Ligo konsistas el ĉiuj societoj, grupoj aŭ kluboj esperantistaj, kiuj oficiale aliĝis al la decidoj de tiu ĉi unua kongreso kaj akceptos ilin kiel bonaj.

§ 6. — Izolitaj personoj, kiuj ne estas anoj de ia societo alinĝinta al la Ligo, povos izole aliĝi al la Ligo.

§ 7. — Ĉiuj aliĝoj societaj aŭ personaj estos senditaj al D-ro Zsmenhof, 9, ul. Dzika, Varsovion, kiel eble plej frue, tuj post tiu ĉi unua kongreso.

*Centra Komitato.* — § 8. — Por efektivigi la programon de la Ligo difinitan en la § 4-a, estos organizita *Internacia Centra Komitato de la Lingvo Esperanto.*

§ 9. — Dum sia tuta vivo, D-ro Zamenhof estos kaj restos la prezidanto de tiu komitato, kies decidoj estos akceptataj de ĉiuj societoj aŭ privataj anoj de la *Ligo* kiel leĝoj neŝanĝeblaj.

*Provizora komitato.* — § 10. — Por organizi tiun tutmondan *Ligon* kaj ĝian Centran Komitaton estos fondita *internacia provizora organizanta komitato*, kies anoj estos ĉiuj elektitaj de D-ro Zamenhof, inter la anoj de la Ligo.

§ 11. — Tiu provizora komitato preparos planon detalan por la organizacio de la Tutmonda Ligo kaj ĝiaj kongresoj, kaj projekton de regularo preciza por la elekto de la Internacia Centra Komitato, ĝia rolo, ĝia funkciado, ĝia oficiala sidejo de internacia oficejo, ĝia oficiala organo.

§ 12. — Ĝis la venonta dua internacia kongreso esperantista, la provizora komitato funkciados laŭ la plano, kiun ĝi preparis.

§ 13. — Du monatojn almenaŭ antaŭ la dua kongreso, la provizora komitato publikigos, en Esperantaj gazetoj, tiun planon, kiu fine estos proponata al la voĉdonado de tiu dua kongreso.

§ 14. — La tutmonda Ligo Esperantista kaj ĝia Internacia Centra Komitato estos definitive organizitaj nur post akcepto de tiuj proponitaj plano kaj regularo, ŝanĝitaj aŭ ne.

### Unua decido de la Komitato de S. f. p. E.

Post tiu publikigo, la komitato de la S. f. p. E. kunveninta la 16ªⁿ de aprilo en Parizo, oficiale decidis, ke ĝi simple submetiĝos al la propono de D° Zamenhof. Sekve de tio ĝi publikigis en la n° de la Gazeto « l'Espérantiste » de l' 31ª de aprilo la jenan protokolon.

a) La komitato de la S. f. p. E. plene aliĝas al la principo mem de centra komitato internacia proponita de D^ro^ Zamenhof.

*b*) Ĝi dankas la doktoron, ke li havas la bonecon konigi al la mondo Esperantista, en la projekto kiun li prezentos al la Boulogne'a kongreso, la ideojn, kiujn lia tute speciala situacio kaj lia korespondado kun ĉiulandaj Esperantistoj inspiras al li pri tiu demando.

*c*) Ĝi tre respekte lin petas, ke li havu la bonecon montri al la kongreso, kaj en la maniero kiun li juĝos plej bona, la Esperantistojn, kiuj en tiu aŭ alia lando ŝajnas al li plej kapablaj por esti la membroj de l'unua centra komitato internacia.

Ekzameninte tre atente la vortojn mem de tiu ĉi deklaracio, la komitato ĝin aprobas kaj alprenas *unuvoĉe*.

Plie, laŭ propono de D^ro^ Broca, ĉiuj membroj ĉeestantaj en la kunsido opinias, ke oni devas oficiale sciigi pri tiu alpreno ĉiujn fremdajn Societojn esperantistajn, ilin invitante, se tion ili juĝos utila, aliĝi al tiu deklaracio aŭ publikigi similan. La presidanto de la S. f. p. E., ricevas la komision fari tiun komunikon je la nomo de l'Societo.

### Letero kaj projekto de D° Zamenhof

Post tiu decido, S° Michaux, la agema prezidanto de la Boulogne'a Grupo publikigis en sia gazeto *Le Cicerone, La Revue de l'Esperanto* de l'18ª de Majo, la jenajn *leteron, projekton* kaj *aldonon.*

*Letero de D^ro^ Zamenhof al S^ro^ A. Michaux, pri "Tutmonda Ligo Esperantista"*

Kara Sinjoro, Laŭ mia promeso, mi sendas al vi nun la projekton de Tutmonda Ligo Esperantista, kiun mi intencas proponi en la Kongreso al la voĉdonado de la delegitoj de ĉiuj grupoj esperantistaj. Por ke la delegitoj havu la eblon bone prijuĝi la proponon kaj pretigi sian voĉon, mi petas vin, volu kiel eble plej baldaŭ presigi tiun ĉi mian leteron en via *Revue de l'Esperanto.*

Antaŭ ĉio mi diros kelkajn vortojn pri la kaŭzo kaj celo de mia projekto. Jam longe mi venis al la konvinko, ke por la tute sukcesa progresado de nia afero estas necese ke ĝi estu absolute senpersona. Tial (la esperantistoj tion scias) mi jam de tre longe formetis de mi ĉian ordoneman aŭtoritatecon kaj lasis al mi nur la rolon de *konsilanto.* Tamen tie foresto de absoluta aŭtoritateco montriĝis multhelpa por la libera disvolviĝado de nia afero ; tial ia aŭtoritato devas esti kreita ; sed la absoluta aŭtoritateco devas aparteni ne rigide al unu persono, sed al institucio, libere elektata de la esperantistaro mem.

Tre multe da personoj komprenas nun la tutan gravecon de nia *ideo* kaj tre volonte servus al ĝi, sed multajn el ili forpelas la timo, ke per tio ĉi ili servus al unu *homo*, ke ili fariĝus kvazaŭ regatoj de tiu homo, dependus konstante de liaj kaprico j k. t. p. Ili aliĝos al ni nur tiam, kiam ili scias, ke nia afero prezentas nur absolute senpersonan *ideon* kaj ke en nia afero ekzistas nenia *majstro* (1), kies arbitrajn decidojn ili devas *humile obeadi.*

Se la sorto de nia afero estos ligita kun unu homo, ĝi estos ĉiam en danĝero. Morgaŭ mi povas morti, perdi la prudenton aŭ sanon, subfali al ia neantaŭvidita malhelpo (kiel ekzemple antaŭ ne longe, kiam mi subite ricevis la ordonon iri Mandjurujon), kaj la afero tiam subite eksuferus tre serioze, ĉar ĝi restus subite sen gvidanto. La estonteco de nia afero estos plene garantiita nur tiam, kiam ĝi absolute neniom dependos de la sorto de unu homo.

Mi scias, ke tre multe da esperantistoj havas la fortan konvinkon, ke por Esperanto estos plej bone, se en la daŭro de mia tuta vivo mi *persone* restos la sola kaj plej alta aŭtoritato en nia afero, ĉar neniaj eĉ plej saĝaj komitatoj povas per malvarma, multkapa kaj blinde palpanta rezonado trovi la efektivajn bezonojn de nia lingvo tiel ĝuste kaj bone kiel ilin trovas per sia *sento* kaj *sperto* tiu persono kiu kreis la lingvon kaj vivadis kun ĝi ĝi tutan vivon. Mi konfesas ke en rilato *praktika* tiu ĉi opinio havas en si multe da praveco. Sed ĝuste por tio, ke mia aŭtoritateco alportu al nia afero utilon anstataŭ malhelpo, estas necese ke ĝi estu libervole kaj konscie akceptata, sed ne leĝe altrudata. Se la esperantistoj trovos, ke mia aŭtoritato estas utila por nia afero, kiu do malpermesos al ili ankaŭ poste rigardadi min kaj miajn verkojn kaj konsilojn kiel aŭtoritataj ? Kiu malpermesos al la Centra Komitato klarigadi al la esperantistoj, ke pro la bono de nia afero estas dezirinde, ke la esperantistoj kiel eble pli imitadu mian stilon ? La diferenco estas tia, kiam la esperantistoj *propravole* kaj *konscie* rigardados min kiel aŭtoritato, tiam ili *volonte* penos ĉiam imitadi mian stilon, kaj nia lingvo multe gajnos de tio ĉi, ĉar unueco kaj unuspiriteco estas por ĉiu lingvo multe pli grava ol la plej severa logikeco, se tiu ĉi logikeco, ne estas absolute senduba kaj egala ĉe ĉiuj ; sed se mia aŭtoritateco estos *altrudata de mi mem* kaj se ĝi estos nur « necesajo » sekvo de foresto de la plej alta juĝantaro, tiam oni sekvados mian ekzemplon kaj konsilojn nur *tre nevolonte*, kaj kiel ajn mature pripensita estus ĉiu mia ago, ĉiam multaj personoj trovos ĝin erara, nelogika kaj sensenca, kaj ni havos konstantan disputadon kaj opozicion.

Oni ordinare respondas al mi, ke la nombro de la disputemuloj estas tre malgranda, ke la plimulto da esperantistoj preferas blinde obei min, ol elekti al si ian estraron, ke estus danĝere se mi ne estus el miaj manoj la gardadon k. t. p. Sed ho ve, ĉio tio ĉi estas nur parolado *teoria* ; en la praktiko la afero estas tute alia. Tiuj samaj personoj (kiuj pensas kaj konstante ripetas al mi, ke miaj vortoj estas por ili leĝo) tiuj samaj personoj postulas, ke mi altrudu mian volon nur al *aliaj* personoj ; sed kiam mi faras ion, kio ne plaĉas al *ili*, kiam mi ne volas subskribi mian nomon sub io, kion *ili* proponas, ili koleras min, ili turmentas min per sia insistado, ili (senkonscie kaj en la plej bona intenco) komencas eĉ opozician agitadon kontraŭ miaj faroj.

*(daŭronta)* L. ZAMENHOF.

(1) Uzante la okazon, mi nun ripetas publike tion, kion mi jam ofte diris kaj skribis private : mi kore petas ĉiujn esperantistojn, ke en siaj leteroj al mi aŭ en sia buŝa parolado kun mi ili neniam uzu la vorton « majstro », kiu estas al mi tre malagrabla, sed ili ĉiam uzu simple la vorton « sinjoro ».

*) Tiu verko estas en presado kaj eldoniĝos unu monaton antaŭ la kongreso.

## DIVERSAĴOJ

**Ekskurso de Esperantistoj en Saint-Germain en Laye**

La 25ªⁿ de Junio okazis granda ekskurso de Esperantistoj en S^t^ Germain-en-Laye apud Parizo. La festena kunveno estas organizita de l'Pariza Grupo. Cent deknaŭ geĉeestantoj sidiĝis ĉe la tabloj tre bele ornamitaj de l'hotelo « Altkreska Cervo ». La manĝokarto esperante skribita kaj ilustrita internacie allogas la gemalsatojn. S^ro^ Karlo Bourlet, prezidas ; ĉirkaŭ li estas Generalo Sebert, S^ro^ Benoit, Directeur du Bureau International des Poids et Mesures, kune kun siaj tri ĉarmaj filinoj ; D^ro^ Javal, S^ro^ Cart, tre fame konata de l'Esperantistaro. La apudaj parizaj grupoj partoprenas : S^ro^ Joannis, profesoro ĉe Sorbonne, prezidanto de l'grupo Versailles ; D^ro^ Hugo Schweitzer, prezidanto de l'Grupo de l'Charentona kantono ; S^ro^ Corret, sekretario de l'grupo Versailles.

La fremduloj atestis la reciprokan interkompreniĝon : S^ro^ G. Kolowrat, ruso el S^t^ Peterburgo ; S^ro^ Rogoff, polo, el Bjelostok ; S^ro^ Williams Mann, anglo ; fratoj belgaj G. Kaj P. Blaise, el Louvain (Loveno), senĉese kaj senpene interparoladas kune kun Francoj kaj precipe ĉarmegaj francinoj, ĉar oni kalkulis tiom esperantistinoj kiom esperantistoj.

Skribaĵojn de la ĉeestantoj oni sendas al D^ro^ Zamenhof.

Bonega ĉampana vino elfluas. S^ro^ Bourlet kontentege dankas la fremdulojn, la reprezantojn de l'grupoj kaj ĉiujn pro kora akcepto en ĉi tiu gefrata kumeno

Oni disvendis multe da « Esperanto » nia jurnalo ; S^ro^ Devoncoux vendis kelkajn pipojn « Esperanto » el erika liguo, kaj multajn ekzemplojn de romanco « En Sonĝo », muziko de S^ro^ Rigoir, la vendprezo estos por « Blindula Bonfarado. »

La grupanoj vizitas la faman kastelon, en kiu kuŝas multe da interesaj malnovaĵoj eĉ antaŭsubakviĝaĵoj ! Kvar fotografamantoj esperantistaj multefoje fotografas la anojn ope aŭ dise.

Ĉiuj ekadmiris la belegan panoramon, kiu kuŝas antaŭ iliaj okuloj de la teraso de l'kastelo longa je 2 k. 400.

Oni babiladas nur esperante ; la sinjorinoj tre lerte paroladas esperantan lingvon.

Poste la bicikletoj bicikletas, la aŭtomobiloj aŭtomobilas, (oni tre admiris aŭtomobilon kun la verda standardo kaj arĝenta stelo) la piedirantoj piediras tra la arbaro tute freŝa kaj ombra. Oni balanciĝas la fraŭlinojn sub la laŭboj — tre agrable por balanciĝantoj. Oni trinkas bieron, kompreneble oni ne drinkas.

Bedaŭrinde la vagonaro je 5 h. 35 m. vespere atendas nin por reeniri hejmen.

Pri ĉi tre sukcesa festeno ĉiu konservas bonan impreson sur sia esperantista koro.

Ni kolektiĝos denove ĉe l'alveno de D^ro^ Zamenhof kiam li traveturos Parizon.

C. D. 7278

### Voĉo Internacia

La loko mankas por ke ni enpresigu hodiaŭ la cirkuleron pri la *Voĉo Internacia*, kiu estas *rondiranta manuskripta gazeto*.

Jen ĝia organizado :

La tuta rondo konsistas el sekcioj, kies nombro estas senlima. Ĉiu sekcio havas plie *ses* anojn divernaciajn kaj inter ili manuskriptan gazeton rondirantan laŭ konsentita vico. Ĉiu sekcio celas définitan temon de interkorespondado : Studo de Esperanto, literaturo, sciencoj, filozofio, ktp. ktp.

Por ĉio oni sin turnu al Sro H. Hodler, 9, Avenue des Vollandes, Genève (Svisujo).

### Tra niaj kolegoj

*La voĉdona rajto ĉe la Bulonja kongreso.*

Ĉar la solvo de la demando pri la voĉdona rajto ne povas evidente dependi de la unua kongreso mem, tial ĝi necese dependas aŭ unuparte de tiuj, kiuj posedas ian aŭtoritaton en nia afero (nune nur Dro Zamenhof) aŭ aliparte de la organizantoj de la kongreso. Laŭ mia opinio, ambaŭ flankoj, tio estas Dro Zamenhof kaj la organizantoj de l'kongreso, devus interkonsenti pri la voĉdona maniero uzota en nia unua kongreso kaj la kongreso devos sendispute akcepti tiun manieron, ĉar ĝi posedos nenian eblon por ĝin *rajte* aliformigi.

Al ili mi nun proponas la jenan manieron solvi tiun demandon :

« Ĉiu aro da samlandanoj povos komisii plejmulte 20 inter siaj anoj por voĉdoni.

« Tamen la landoj, kiuj kalkulas pli ol 20 grupojn esperantistajn, povos komisii tiom da anoj kiom da grupoj ili kalkulas. »

Dro M. Seynaeve

El *La Belga Sonorilo* (Junio 1905)

## INTERNACIA LIGO
### Esperantista

Responde je miaj du artikoloj mi ricevis multajn interesajn leterojn ; kaj cetere aliaj sciigoj diversaj montras, ke la ideo pri « Ligo » pli kaj pli progresas en la Esperantistaro.

So R. Codorniu el Murcia skribas, ke la hispana Societo kaj ĝiaj grupoj sekvos la vojon montritan de Do Zamenhof. So J. B. J. Brossard el Kanado sendas sian aprobon pri Ligo kun Centra komitato. La bulgaraj kluboj el Plovdiv, Trojan, Provadia, Pleven, Ŝumen kaj Varna unuvoĉe akceptas la fondiĝon de Internacia Ligo Esperantista kaj elektado de Centra komitato. Same la grupo de Alger aprobas la kreon de Ligo.

Aliflanke la Grupo de Boulogne publikigis broŝuron enhavantan la kolekton de la *Kongresaj projektoj* ; kaj tie ni ekvidas ŝanĝproponon de la projekto de S. f. p. E. ellaboritan de nia belga samideano So Seynaeve, kiu *esence* aliformigas tiun projekton, ĉar tiu propono alligas la Grupojn al la Centra komitato, kio malrekte kondukas al Ligo. Simile la projektoj de la Grupo de Saint-Omer kaj de kapitano Comte el Boulogne celas Ligon au klubon *esperantistaran*.

Ĉio tio do montras, ke la plano de Do Zamenhof pri fondo de Ligo kun Centra komitato estas *principe* akceptita de la plejmulto el la Esperantistaj societoj. Sed la diverseco de la projektoj koncerne la detalaĵojn montras ankaŭ, ke verŝajne la disputado pri la detaloj estus certe longa, malfacila kaj eble povus fariĝi *akra*.

Mi do pli kaj pli firmiĝas en mia opinio, ke la afero ne estas nuntempe sufiĉe matura por alveni al definitiva konkludo, kaj ke la kongresanoj estos saĝaj limigante sian agadon al *principa* decido kaj al starigo de *provizora* komitato, kiu alportos al la *dua* kongreso definitivan planon.

* * *

El Germanujo mi ricevis tre interesan leteron en kiu grava esperantisto diras :

« Mi ne konsentas al fondo de Ligo ĉar niaj junaj malriĉaj grupoj ne havas monon por *pagi kotizaĵon*. »

Mia germana korespondanto estas tute prava, kaj lia letero instigas min al diro de kelkaj vortoj pri tiu ĉefa punkto.

La sperto de la unua malsukceso de kreo de Ligo montris al ni kvar gravajn danĝerojn :

1e La reformemo.

2e La troa detaleco de projekto de regularo.

3e La libereco de sinpropono por fariĝi komitatano.

4e La multekosteco de la jara kotizaĵo (3 frankoj).

Mi jam montris kiamaniere oni povos facile eviti la tri unuajn danĝerojn. La kvara estas ankoraŭ pli facile forigebla, *ĉar oni povas tre bone fondi Ligon sen ia difinita deviga jara kotizaĵo.*

Laŭ mia persona opinio, la liganoj estontaj devas pagi *nenian* specialan kotizaĵon por la Ligo. Ili nur pagos, kiel ĝis nun, la kotizaĵon de la Societo loka aŭ nacia al kiu ili apartenas ; kaj plie nenia el la aliĝintaj Societoj devos mem pagi ian ajn *devigan* monoferon.

Tiu opinio eble ŝajnos unuavide iom paradoksa aŭ nepraktika. Tamen mi *sperte* pretendas, ke ĝi estas perfekte efektivigebla.

Tion mi facile detale klarigus, sed la rakonto estus longa. Mi do nur montros kelkajn nedubajn enspezojn, kiuj povos alporti sufiĉe da mono al la Centra komitato :

1e Abonpagoj de la oficiala organo, kies abono estus libera, *ne deviga*, por la Liganoj.

2e Honorarioj pagitaj de la eldonistoj por la aprobo de la libroj eldonitaj sub la kontrolo de la komitato (tiu aprobo, laŭ propono de Do Zamenhof, anstataŭus lian nunan aprobon).

3e Disvendado de broŝuroj, butontruaj signoj, jarlibro, k. c.

4e Monoferadoj privataj.

Mi jam ĉion kalkulis kaj mi konstatis, ke la kaso de l'komitato povus tiamaniere tre kontentige pleniĝi.

Kvietiĝu do, kara germana samideano, ĉar Ligo esperantista povas facile funkciadi sen ia ajn deviga kotizaĵo !

* * *

Konklude mi do diros, ke ŝajnas al mi, ke la kongreso tre facile alvenos al feliĉa sukceso kaj bona rezultato nur se ĝi volonte limigos sian rolon al akcepto de la *principoj* entenataj en la projekto de Do Zamenhof, kaj al fondo de *provizora* komitato.

Cetere tio tute ne signifas, ke mi opinias, ke la projekto de la aŭtoro de la lingvo estas forĵetinda !

Kontraŭe ! Sed laŭ mia persona sperto mi kredas, ke tiu projekto estas tro longa, tro detalplena, por ke ĝia disputado publika estu ebla, ke tiu projekto devas do nur esti *modelo* por *principo* kaj poste devas esti la fundamenta projekto super kiu la provizora komitato devos labori por verki sian definitivan planon.

Ni devas ĉiuj danki mian majstron, ĉar li tiel detale esprimis sian grandvaloran atentindan opinion, kaj lia laboro devas taŭgi kiel kunliganta standardo, kiel vojmontranta stelo, kiel fundamenta bazo por estonta definitiva monumento.

* * *

Cetere, se la kongreso opinias ke ĝi devas tuj fondi organizacion *definitivan*, se la komuna interkonsento estas sufiĉa, por ke oni povu pensi ke tuj, de tiu unua kongreso, oni povas voĉdoni pri io pli ol principo, tiam mi persone plene aligus al la projekto de mia amiko So Lambert, (*) kiu ŝajnas al mi saĝa kaj facile efektivigebla.

Tiu projekto estas kvazaŭ reduktaĵo de la projekto de nia majstro Do Zamenhof, kaj alprenante la Lambertan projekton tian, kia ĝi estas, aŭ iom aliformigitan, ni tiel samtempe alprenus, nur en pli simpla formo, la projekton de la aŭtoro de la Lingvo, kiu servis kiel modelo.

C. Bourlet.



## LETERFAKETO

*Al niaj kolegoj.* — Tiuj el niaj kolegoj, kiuj faras interŝanĝon kun *Esperanto*, estas petataj sendi la ekzempleron *al la Redaktoro*. Se ili volas sendi duan al l'Administranto, reciproke tiu faros al ili duoblan servon laŭvole.

So *S. Nicholl*, London. — Nia gazeto ne estas jam ĉiusemajna : ĝi eliras laŭ neceseco, ser ne malpli ol 2 n-rojn ĉiumonate. Ni do akceptas abonojn nur por 24 n-roj sinsekvaj sed ne por duonjaro aŭ tuta jaro.

So *Rigoir*, Charenton. — Pardonu malkompreniĝeton. Cetere vi ricevis kontentigon. Ni ricevas tiom da postuloj ke ni devas esti severaj.

So *Dumont-Gaillard*, Saint-Léger. — Vidu respondon al So Nicholl.

So *Rey*, Grenoble. — Ni utilas tuj vian konsilon, kiel vi povas vidi.

So *J. Emeric*, Pekan, Pahang, Malazio. — Ni kun plezuro sendos al vi *Espero de Katalanujo*, ĉiufoje kiam ĝi aperos, sed la komitato de la Federacio Esperantista Katalana decidis malakcepti abonojn ĉar la revueto eliras nur tre neregule, laŭ la bezonoj de la Societo.

So *Devoucoux*, Alfort. — Tro malfrue mi ricevis vian peton por ne presi la diritan informeton. Bedaŭroj.

So *Nicot de Villemain*, Nice. — Vidu respondon al So Nicholl.

*Diversaj korespondantoj.* — Estas senutile *telegrafi* al ni informojn vendredo kaj Sabato, ĉar la jurnalo presiĝas *Jaŭdon*. — Jes ĉiuj elspezoj poŝtaj aŭ telegrafaj de niaj informantoj estas repagotaj. — Lastajn informojn telegrafu ne al la redaktejo sed al l'Administranto en Ceret.

So *Fillon*, Bourges. — Vortoj *alio, aliu, aliel* estas uzataj de plej bonaj aŭtoroj kaj gazetoj ; *mies* estas en Esperanta Sintakso. Por la cetero, trankviliĝu : nenian *najbarom* (kiun mi ne komprenas) kaj *ĉevaliel* troviĝos sub seriozaj plumoj. — P. B.

(*) Tiu projekto de l'Redaktoro de Esperanto estos enpresita en sia kronologia loko.

## BIBLIOGRAFIO

Jus ni ricevas la senpacience atendatan *Vocabulario Esperanto-Español y Español-Esperanto*, de SS. Vincente Inglada kaj Villanueva, belega verko de 364 paĝoj dense presitaj, kun antaŭparolo de Sro Fruictier.

La aŭtoroj alportis en la redaktado de tiu verko — la plej bona kaj plena en tiu klaso — tutan ilian zorgon, metodon kaj kompetenton. La libro enhavas ĉiujn laste aprobitajn novaĵojn kaj prezentas fidelan figuron de la nuna lingvo.

Nun, kun tiel bona laborilo la hispanoj ne havos rajton restadi, sed male moralan devon rapide progresadi sur la kampon esperantistan.

* * *

*Majstro jan Hus*, vivo agado, kondamno kaj morto de l'glorinda martiro, libro ne politika, kun portreto de Hus kaj antaŭ parolo de So Carlo Bourlet.

Ni ricevis tiun ĉi libron kie J. F. Khun rakontas la korpremantan historion de la granda homo kies la nomo estas por ni pli konata ol la agoj, kaj kiun legendo mensoga abomene maskas en okcidentaj landoj. Prezo : fr. 0 85.

* * *

**Kongresaj projektoj.** — Estas broŝuro eldonata de l'Grupo de Boulogne por l'instruo de l'kongresaj voĉdonontoj. Prezo : fr. 0 25.



# VORTARETO
# ESPERANTO-ESPERANTA
de Paul BERTHELOT.

**-a** alvorto, vidu : **adjektivo**.
**A** noto de muziko.
**abato** monaĥejestro | pliofte titolo honoriga donata al ĉia ekleziulo.
**abelo** g. de ins. *(apis)* | **-ujo** : loĝejo de societo abela | **-ejo** : loko kie estas abelujoj | **-isto** : edukisto de -oj.
**abio** g. de arboj *(abies)*.
**abismo** profundegaĵo.
**abomeni** malamegi, havi instinktan malemon al io.
**aboni** 2 aĉeti antaŭe periode eldonatan presaĵon, gazeton.
**aborti** 2 naski antaŭ plena evoluiĝo | **-igi ion** : malpermesi ke io atingos sian finan celon | **-iĝi** : ne plene evolui | *komp* : malsukcesi = frukto, konspirado -iĝis.
**abrikoto** frukto de -arbo, *(prunus armeniaca)*.
**abrotano** veg. *(artemisia abrotanum)*.
**abrupta** kruta, vertikala.
**abscesi** 1 alveni al pusa stato, maturiĝi | **-aĵo** : pusaĵo.
*ankaŭ* : abcesi, absesi.
**absinto** veg. *(artemisia absinthium)*.
**absoluta** senrilata, sendependa, senlima, = *homo* estas vorto -, *patro* vorto rilata ; povo - ; rifuzi absolute.
**absolvi** 2 senkulpigi, purigi = la juĝisto lin forlasis -ita.
**abstrakta** apartigita pense de aliaj ecoj de l'objekto | **-aĵo** : eco tiel konsiderata = *formo, koloro*, kc.
**absurda** malprudenta.
**acero** g. de arboj. *(acer)*.
**acida** pika, akragusta | **-aĵo** : fluaĵo - | **-o** : klaso da komponaĵoj ĥemiaj.
Por nomi ĥemiajn komponaĵojn neorganikajn oni grupigas serie tiujn kiuj diferencas reciproke nur per atomoj de metalo aŭ de hidro kiuj anstataŭiĝas *valenco por valenco*.*
Ekz.: $SO^4$ $Na^2$
$SO^4$ Fe
$SO^4$ KH
$(SO^4)^2$ AlK
$(SO^4)^3$ $Al^2$ k.t.c.
Oni donas al tia serio nomon *generan*, al kiu oni almetas nomon adjektivan de metaloj uzataj en ĉia komb. Tiel oni diros :
sulfato natria (natrisulfato)
» fera (fersulfato)
» kalihidra
» kalialuminia
» aluminia k.t.c.
La kombinaĵo el la serio, kiu enhavas la plej grandan nombron de atomoj de hidro anstataŭigeblaj per metalaj valencoj estas nomata la **acido** de la serio. La aliaj estas nomataj *saloj*.
Tiel $SO^4.H^2$ sulfato hidra, estas la *acido de sulfatoj*, aŭ simple *acido sulfata, sulfatacido*.
Tiel ankaŭ $PO^3H.H^2$ fosfito hidra, estas *acido fosfita, fosfitacido*. k.t.c.
**-aĉ'** alvorto, montras difekton fizikan = *homaĉo, ĉaraĉo, kriaĉi, ridaĉi*, | vidu : **Fi-**
**aĉeti** 2 akiri pagante.
**-ad'** alvorto ; montras agon daŭran.
*-adi* : post verboj esprimas daŭron aŭ oftecon de l'ago : *kriadi, venadi*; post nomoj ŝtofaj aŭ radikoj kvalitaj, ĝi signifas estadi tio aŭ tia : *estradi, bluadi* | *-ado* : ago, vidu **-o**
**adepto** aniĝinto, instruito pri la scienco, arto, rito, sekreto.
**adiaŭ** forira saluto.
**adjektivo** speco de vortoj.
adjektivo estas alnomo, kiun oni metas apud la nomo por ĝin specigi ; se la eco montrata enestas la objekton, t.e. ĝia propra kvalito, la - ricevas nomon *kvalitiga* kaj finiĝon **-a** : verda, mia, dua, kia, tia, alia, kc. — se la eco montrata rezultas el eksteraj cirkonstancoj, t.e. determinas la obj. per nepropraj kondiĉoj, la - ricevas nomon *determina* kaj finiĝon **-u** : kiu, tiu, aliu, ĉiu, neniu, kc.
**adjutanto** help-oficiro.
**administri** 2 reĝi, konduki aferon publikan aŭ privatan | **-acio** : oficejo, oficistaro, **-ado** | **-atoro** : reganto, -anto, -isto.
**admiri** 2 rigardadi kun miro k. plezuro ion, kiu ŝajnas bela kaj granda : - naturon, pentraĵon, kuraĝon, talenton, | *ironie* : mi -as vian friponecon.
**adopti** 2 elekti por igi sia = adopti iun kiel filon, kiel fraton, - opinion, metodon.
**adori** 2 oferi plejaltan honoradon | amegi.
**adresi** 2 sendi ion al iun = mi -as al vi leteron, mian gratulon | **-o** : sendo, formulo de sendo, ofero, dediĉo ; nomoj, signoj difinantaj estejon de'l ricevonto | **-aĵo** : sendaĵo.
**adulti** 1 havi seksajn rilatojn malgraŭ leĝo aŭ moro, precipe dum edzado | **sang-o** : ad. kun parenco | **-ulo**, **-ulino** : kiu -as | **-ido** : naskito per -o.
**adverbo** vorto, kiun oni metas apud verbon, adjektivon aŭ adv. por modifi ĝian sencon.
Per tiu nomo oni kunigas tri specojn da vortoj :
1e vortoj kiuj modifas predikaton de verbo, t.e. estas vere adjektivoj kvalitaj de tiu predikato, kiel en : veni trankvile, reĝi bonkore, kiu signifas : esti « trankvila venanto », « bonkora reĝo ». Ili ricevas nomon : *alverboj kvalitaj* kaj finatas per **-e** *juste, bele, verde*, k.c.
2e vortoj, kiuj esprimas cirkonstancon de l'ago, t.e. modifas la verbon mem, kiel en : veni ofte, reĝi ĉiulande, kuri antaŭe, bluiĝi rapide, kio signifas : « esti ofte » venanta, « esti ĉiulande » reĝo, « esti antaŭe » kuranta, « iĝi rapide » blua. Ili ricevas nomon *alverboj determinaj* kaj havas formojn diversajn :
a) *tempo* : iam, tiam, kiam, ĉiam, neniam, aliam, nun, hodiaŭ, hieraŭ, morgaŭ, baldaŭ, antaŭe, poste, ofte, kelkfoje, antikve, k.c.
b) *loko* : ie, tie, kie, ĉie, ĉiuloke, ĉialoke, nenie, aliloke, antaŭe, poste, supre, ekstere, interne, k.c.
c) *maniero* : iel, tiel, aliel, same, preskaŭ, kvazaŭ, jes, ja, ne, nepre, antikve, k.c.
d) *diversaj* : tiam, kial, do, k.c.
3e vortoj kiuj modifas la kvanton : multe, kelke, pli, tre, tro, des, ju, sufiĉe, almenaŭ, tiom, kiom, k.c.
Ili ofte sin modifas reciproke : tro multe, multe tro, k.c.
4e erare oni nomas ankaŭ - la formon posedan de pronomo : *kies, ties, mies*, k.c. kaj la *gerundio*.*
**advokato** leĝisto al kiu oni komisias aferon, proceson, k.c.
**aero** fluaĵo elasta kiu ĉirkaŭas la teron | **-umi** : doni aeron = aerumi ĉambron, akvon | **-ŝipo** aparato por veturi en -.
**afabli** 1 havi manierojn dolĉajn kaj bonakceptajn = la reĝo -as al ĉiu | **-a** : dolĉa kaj ĝentila.
**afekti** 1 sin rimarkigi per apartaj manieroj = paroli -e.
**afero** aĵo, agado, okupo, proceso, kc. = tio estas grava -, la -iĝas malbone, Esperantistoj esperas sukceson por sia - | **-isto** : homo al kiu oni komisias aferon, proceson.
**afiŝo** skribaĵo fiksata en publika loko por sciigi ion.
**afranki** 2 pagi antaŭe koston de transporto por sendaĵo, letero, pakaĵo : -ite ĝis domo.
**agaci** 2 efiki malagrablan impreson sur nervoj = acidaĵo, ŝiro de silko -as dentojn.
**agariko** g. de fungoj *(agaricus)*
**agato** speco de kvarco nekristala kaj diverskolora.
**agento** aganto = ĥemia - | oficisto = komerca, polica -.
**agi** produkti aŭ peni produkti efikon = la volo -as sur nervoj la varmo -as sur termometro, nitratacido -as sur kupro | **-o** : ni havas ideon de la fortoj, de la kaŭzoj, nur tial ke ni sentas ilian *agon*.
**agiti** 2 movi, malkvietigi = pasio -as lian koron | **-ado** : movado daŭra = proreforma, febra -.
**aglo** g. de birdoj *(aquila)*.
**agonii** 1 mortiĝi, suferi lastan mortbatalon.
**agordi** 2 aranĝi muzikilon tiel, ke la skalo de tonoj* estu ĝusta mem, kaj la sama por tuta orkestro | **-ilo** : sonorilo por -.
**agrabli** 1 plaĉi, plezurigi | **-a** : kiu kaŭzas plezuron = voĉo -.
**aĝo** periodo de l'estado = li atingas aĝon de vireco | mezuro de l'daŭro pasinta de l'eko ĝis nuna tempo = kian aĝon li havas ? dek sep jarojn ; la - de tiu templo estas nekalkulebla.
**ajlo** veg. *(allium sativum)*.
**ajn** adv. ĝeneraliga = kien - li iros, kiel - li klopodos, kiom - da mono li elspezos, li ne sukcesos ; ĉiu - povas tion fari ; kian vi volas ? ian -.
**-aj'** alvorto : montras aferon, objekton, ŝtofon, kc.
tiu alvorto, iom malpreciza, utilas por formi :
1e post radiko kvalitiga, nomon de l'objekto aŭ afero havanta tiun econ : blankaĵo, sensencaĵo, nunaĵo, ĉirkaŭaĵo, infanaĵo, amikaĵo,
2e post radiko verba, nomon de objekto kiu necese rilatas l'agon aŭ rezultas el tiu ĉi : fajlaĵo, pentraĵo, hajlaĵo, trinkaĵo,
3e post nomo ŝtofa, nomon de alia objekto, kies la unua estas fundamento : ovaĵo, bovaĵo, arbetaĵo.
Vidu : **-o**.
**akacio** g. de arboj *(acacia)*.
**akaro** g. de bestoj *(acarus)*.
**akceli** 2 plirapidigi.
**akcento** aliiĝo de la voĉo homa en parolado laŭ diversaj kaŭzoj = tona -, nacia -, patosa -, la vorta - en Esp. estas ĉiam sur la antaŭlasta vokalo.
**akcepti** 2 rilati kun alvenanto = li -is min malafable, - favore ideon, postulon.
**akcidento** (fil.) eco nepropra de aĵo = flavo estas - ĉe vakso.
**akcio** (fin.) akto, bilo, difinanta la partoprenon de iu en societo, entrepreno, kc.
**akcipitro** g. de birdoj *(astur)*
**akcizo** imposto pagata pri iaj komercaĵoj transirantaj difinitan limon | **-etato** : registro de la sumoj pagotaj por ĉia komercaĵo transigata.
**akiri** 2 iĝi posedanta = - monon, malsanon.
**akno** haŭta abceseto.
**akompani** 2 iri kun | muz. ludi partituron harmonie apogantan la precipan.
**akonito** veg. *(aconitum napel)*
**akordi** 1 rilati harmonie = tonoj D G B -as ; adjektivo -as kun nomo | **-o** : reciproka harmonio | **-igi**, **-iĝi** : meti, veni en tian staton.
**akoro** veg. *(acorus calamus)*
**akra** eniĝema | pri ŝtofo = pinto, glavo - | pri sentoj = gusto, parfumo, bruo, lumo, koloro - | pri animo = plezuro, doloro - | komp. : spirito -.
**akrido** g. de ins. *(acridium)*
**akro** mez de ampleco | angla - valoras 40 aroj, 47 centiaroj.
**aksiomo** propono akceptata sen pruvo kiel vero = *enhavanto superas enhavaton*.
**akso** linio rekta trairanta centron = turna - ; - de la homa korpo, de rado | **-ingo** : parto en kiu - turniĝas.
**akto** skribaĵo konstatanta ian fakton = edziĝa - | dramero.
**aktuala** (fil.) aganta, efikanta = volo, intenco.
**akuri** 2 fari kun atento kaj laŭ sia plena devo = - sian laboron ; - ke ĉio estu en ordo | **-ata** : farata kun zorgo, kun atento, ĝusta, preciza = preĝo, kopio - | **-ate** : zorge, aten-

